# POLA ESPERANTISTO

XXIX JARO | MARTO 1935 | 3 NUMERO

## ESPERANTYSTA POLSKI

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

ELDONANTO / WYDAWCA: **POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO**

REDAKTANTOJ / REDAKTORZY: PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

APERAS LA 1-an DE ĈIU MONATO. REDAKCIAN MATERIALON ONI PETAS SENDI ĜIS LA 20-a DE ĈIU MONATO.

## Geo Belmont.

*Li apartenas al la homoj, kiuj neniam politikadis. Li ĉiam rekte kaj senindulge kontraŭbatalas maljuston kaj malbonon. Li estas unu el tiuj, kiuj diras: mi ne toleros maljuston eĉ ĉe plej bona amiko. Tuta lia vivo estis pruvo de tiu ĉi devizo.*

*Se ekzistas reprezentantoj de la konscienco inter homoj, li estas certe unu el la unuaj.*



*Tion mi diras, konante lin de antaŭ pli ol duono de jarcento.*

*Ne estas facile dum tiom longa tempo neniam ŝanĝi sian opinion!*

*Se ni trarigardas lian laboron por Esperanto - lingvo kaj ideo, ni ne povas trovi viron pli indan je nia admiro.*

*Kune kun Grabowski li estas unu el la unuaj fundamentaj personoj, sen kiuj la Zamenhofa verko estus tre malfaciligita dum ĝia progresado ne nur inter samlandanoj, sed ankaŭ en la tuta mondo.*

*Dum la solena vespero, festata je lia nomo, la tuta Esperantistaro klinis sian fronton antaŭ la meritplena Homo kaj vera Samideano.*

*La red. kaj kunlaborantoj de P. E. esprimas ĉi tie sian dankon pro la grandega laboro de nia altestimata Samideano, kolektinte artikolojn por honorigi lian nomon kaj agadon. Ni estas certaj, ke li ankoraŭ longe kaj efike laboros por la fina venko de Esperanto-lingvo kaj interna ideo.*

O. BUJWID.

# LEO BELMONT
## (TRA MINIATURA KALEJDOSKOPO).

Parolado de **E. Wiesenfeld** dum la solena Akademio la 19 I 35 en la Pola Touring - Klubo en Varsovio.

1887. Tra la varsoviaj stratoj vagas juna studento. Haltadas antaŭ librejaj vitrinoj. En unu el ili li rimarkas broŝureton s. t. „Lingvo internacia". Li ekinteresiĝas. Kelkajn tagojn post la aĉeto de ĉi broŝuro li jam parolas esperante. Kaj jen — kia metamorfozo: antaŭ kelkaj tagoj li ankoraŭ estis tiom certa, ke lingvo estas trezoro nacia, ke lingvo estas io organike kunkreskinta kun sia nacio, ke paroli pri internacia lingvo estas ne nur utopio, sed vana tempoperdo, ĉar... lingvo internacia estas ja afero ne ebla. Kaj eĉ ne povas esti ia diskuto pri tio. Ĉar? Ĉar nenia dubo pri tio ekzistas... Kaj tamen. Post kelkaj nur tagoj kia revolucio en la rezonado! Kelkaj nur tagoj pasis kaj Leo Belmont jam estas entuziasmulo de tiu ideo, kiun ankoraŭ antaŭ du semajnoj li mem plej bele refutus. Kaj Belmont jam hontas pro la skeptika rideto, kun kiu li eniris la librejon por aĉeti tiun rev-utopian projekton.

Kiu el ni, malnovaj (maljunaj?) Esperantistoj ne aŭdis pri la famaj profetvortoj: Vi venkos, Sinjoro! (En la julia numero de la Ĝeneva „Esperanto" la ĉefredaktoro dediĉas al tiuj vortoj, kiel ankaŭ al ilia aŭtoro, la tutan front-artikolon). En oktobro 1887, t. e. ĝuste unu monaton post la supre citita okazintaĵo la juna studento Leopoldo Blumental skribis entuziasmoplenan leteron al la aŭtoro de Esperanto, Dro Ludoviko Zamenhof, kaj finis ĝin per: V i v e n k o s! (Ĝia plena teksto troviĝas en la nuna numero).

Jaroj pasas. La „batalo de l' vivo" forpelas nian heroon al zorgoj kaj klopodoj. La studento fariĝis advokato. Por gajni sian vivon, li translokiĝas Peterburgon, kie li okupiĝas pri defendado de politikaj persekutatoj. Precipe lia rolo estis la savado de Poloj (naciaj irredentanoj). Dum kelkaj jaroj li pri Esperanto ne okupiĝis. Tamen baldaŭ en Peterburgo malfermiĝas la societo „Espero" kaj li en ĝi partoprenas. Kiam malfermiĝis la unua pola rondeto en Varsovio, li fariĝas ĝia korespondanto. Kaj en tiuj tempoj ŝuldas al lia plumo la sukcesoj de Esperanto ĉu en Polujo, ĉu en Rusujo. Kiel publicisto — ĉar sur la literatura kampo, li jam sukcesis esti fama — li tiel beleĝe, tiel konvinke propagandas Esperanton, precipe sur la kolonoj de la tiam plej altnivela revuo: **Vestnik Znanja**, ke nur dank' al lia plumo la rusa inteligentularo ekkonis la valoron de Lingvo Internacia ĝenerale, kaj Esperanto precipe. Kore kaj anime kun Polujo, malgraŭ tio ke li loĝis en Peterburgo, li kunlaboris — koresponde — kun la „Unua Rondo" esperantista en Varsovio...

Ne rapide pasadas jaroj ĉe tia energia kaj senlace laborema naturo kiel la Belmonta. Diversaj, diversegaj estis la vivperipetioj de tiu juna tamen jam fama verkisto. (Indas aldoni, ke en la komencaj jaroj de sia plum-agado li uzis la pseŭdonimon: Kazimierz Domowicz — sign. pole: Hejmulo, ĉar li tre ŝatis sidi hejme kaj skribi). Nur ekde 1887 — sur la verko „En la nerva epoko" (W wieku nerwowym) li uzas la pseŭdonimon: Leo Belmont, sekve ne longe tiu pseŭdonimo estis en la uzo. Tamen lia populareco estis jam tre granda. La vigla naturo de Belmont dum unu jaro travivas kelkajn... La materiala situacio neniam volis lin favori. Ĉiam mankis al li bonhavo. Tio tamen tute ne influis je lia humoro. Kaj li malgraŭ ĉio ĉi estas ja unu el plej bonhumoraj verkistoj, eminenta satirulo kaj ŝerculo.

Kiam je la krea talento de Belmont komencis turni atenton la plej grandiozaj mensoj en Rusujo, kiam ĉiuj pro ravo kaj entuziasmo komencis profeti al Belmont nekutiman estontecon kaj „rusan" mondfamulon, Belmont ektimis. Ke li — centprocenta patrioto pola — estu fiero de Rusujo? ĝuste de tiu lando, kiu martirigas lian malfeliĉan patrujon? Ke li ne eluzu sian talenton, konon kaj famecon por sia propra malfeliĉa patrujo? Ne. Tio ne lasis lin trankvila. Tio ne lasis lin dormi.. Kaj Belmont komencis timi: la grandaj sukcesoj en Rusujo elŝiros el lia koro kaj animo la sentimenton por Polujo. Li tial rapidas reveni Varsovion. Ekde 1905 Belmont restas en Varsovio kaj tie ĉi fordonas sin plene al sia literatura, publicista, oratora kaj advokata laboroj... Baldaŭ li okupas ankaŭ decan lokon en la komenciĝanta tie ĉi esp. movado. Li **kreas** la esperantan literaturon poezian. Li tradukas la unua poezion en Esperanton. (En Fundamenta Krestomatio troveblaj). Li havas la unua ideon traduki el E-

esperanto en polan lingvon. Kaj li liveras al la pola literaturo ĉiujn poeziaĵojn de nia Majstro. Li tradukas ankaŭ la plej belajn originalajn poemojn de Antoni Grabowski.

---

1905. En Varsovio, same kiel en la tuta teritorio, regata de la Rusoj, estas maltrankvile. La monde fama furioza revolucio estas en sia plej akra stato. Belmont kaj kiel publicisto, kaj kiel oratoro, kaj — fine — kiel advokato estas treege okupita. Lia viglega aktiv-naturo evidentiĝas tiutempe superhoman senlacecon... Kaj ĉu en tia tempo estas eble memori pri Esperanto?.. Belmont pruvas, ke — jes. Kaj ne nur memorii, sed eĉ tre aktive labori... Li eĉ veturas je la utopia kongreso al.... Boulogne sur Mer. La unua kongreso en la historio de l' mondo, dum kiu ĉiuj partoprenantoj reciproke sin komprenadis kaj parolis samlingve... Infana malseriozaĵo! opiniadis tiam la „seriozaj" aŭtoritatuloj... Belmont ne volis esti serioza kaj veturis Bulonjon. Kaj en tiu tempo tia „kaprico" ne estis facile realigebla. Unue, la Rusa registaro devis doni permeson, t. n. pasporton. Kaj tio kostis ne nur monon, sed ankaŭ multe da penaj pledoj. Precipe por tiaj homoj, kiel Belmont, kiuj ja estis de la tiama registaro konsiderataj kiel rafidindaj, ne lojalaj. Malgraŭ ĉiuj ĉi malfacilaĵoj, Belmont ne haltas kaj efektiviĝas sian decidon: Li ĉeestas la unuan Universalan Kongreson de Esperanto en 1905. (Kaj financan bonhavon Belmont neniam konis). Kaj dank' al la eksterordinare belega orator-talento de Belmont, la Kongreso, post treege longa diskutado, akceptas la rezolucion, ke Universala Kongreso de Esperanto okazadu ĉiujare. La tuta mondo do danku al li, ke ni havas nun la eblon ĉiujare demonstracii niajn festojn.

---

Ree pasas jaroj. Al la geniaj kaj plej potencaj dokumentoj kaj argumentoj ĉiutage nove de Belmont liverataj, la pollanda movado ŝuldas sian progreson kaj penetradon en ĉiam plej intelektajn sferojn. La pola socio tiutempe bataladis pro la rajtoj de sia **propra,** pola lingvo. La kondiĉoj do por batali pro internacia lingvo ne estis favoraj. La ŝancoj je sukceso ne estis bonaŭguraj. Belmont, kies patriotisma sentimento ĝuste tiutempe estis plej potenca, sciis bonege distingi inter nobla sento patriotisma kaj malnobla ŝovinismo. Kaj tial li sentime, kuraĝe per plumo kaj buŝo krucbatalas por la venko de „la bela sonĝo de l' homaro".... Kiam en 1912 Belmont ree ekdeziras veturi Kongreson de Esperanto en Krakovon (kiu tiutempe estis por li — eksterlando), li jam renkontis tre grandajn malfacilaĵojn. Li estis post kelkfoja mallibereco kaj antaŭ denova verdikto. (Intertempo de juĝinstancoj). Subverdiktaj homoj ne estas ellasataj ekster la limon... Sed ne Belmont haltas antaŭ malfacilaĵoj. Voli estas povi! Troviĝis bonaj amikoj - samideanoj (ekzistis iam amikoj), kiuj elpledis por li esceptan permeson, por tre alta mona garantiaĵo.... Ke Belmont ĉeestis la Okan Universalan Kongreson de Esperanto — ni ne bezonas aldoni. Kiu ne memoras la famegan lian parolon, en kiu li — post kiam Dr Zamenhof rezignis la titolon Majstro kaj petis ne nomadi lin plu tiel — vere majstre pruvis, ke estos absolute neeble, ke la Esperantistaro Lin ne konsideru Majstro. Majstro — li diris — restas por ĉiam majstro. Michel Angelo restis majstro dum ĉiuj jarcentoj. Dio, kiu kreis la mondon, neniam ricevos dimision. Homo, kiu kreis la esperantistan mondon, estos por ni kaj niaj posteuloj Majstro... Historia parolo! Majstre arta oratoraĵo! Neniam forgesebla! Vera „Aere perennius"!

---

Ne facila estas la tasko, kiam aŭtoro, priskribanta la meritojn de Leo Belmont, estas pro „vis major" devigata koncizigi sian artikolon. Kion tamen fari? Se en la vivo homo ofte sentas la malagrablecon de „malum necessarium", do certe mi ĝin en ĉi momento plenplene travivas... Kaj restas ja ankoraŭ tiom multege por diri pri lia dummilita agado, pri liaj kun la Majstro person-rilatoj, pri liaj mondfamaj funebro-paroladoj, pri liaj geniaj propagandaj publikparoladoj, pri liaj prelegoj kun Baudouin de Courtenay, Prof. Charles Richet (el Parizo) kaj aliaj plej famaj eminentuloj. Kaj kiom riĉega estas la parolad-repertuaro de tiu orbuŝulo dum niaj esperantaj solenoj! Ne! En kadroj de perioda

---

revuo ne eble estas plene pripentri tiun fenomenon, kiu ja de ĉiuj flankoj estas genia. Por tio estus bezonaj specialaj „Belmontologoj", Belmonto-studoj... Unu el plej mondfamaj polaj scienculoj, prof. Radliński (nomata: Pola Renan) asertis: Se oni dividus la animajn kapablecojn, talenton kaj instruitecon de Belmont inter dek homoj, oni ricevus ankoraŭ dek homojn geniajn... Kiam Belmont eksciis pri tiu diraĵo, li ekvokis: „Ho, kia feliĉo, ke tiu divido ne okazis. Estus ja treege domaĝe tiujn dek malfeliĉulojn nebezonajn kaj ne sciantajn, por kia diablo ili naskiĝis en ĉi mondo, kiu ĉiam pli sangiĝas siajn manojn en fratmilitoj kaj ĉiam pli frenezas".

Longe ankoraŭ, tre longe tirus sin la filmo pri Leo Belmont. Unu homo, en unu artikolo ne plenumus eĉ plej malgrandan parton de biografio, je kia meritus Belmont.... En la antikvaj Arkadiaj tempoj, kiam la dioj marŝadis sur la tero, kaj ne ĉiuj distingadis homon de dio, estis ĉies arda deziro ekkoni la sekreton: kiel distingi? Troviĝis tamen tiaj, al kiuj, pro specialaj meritoj, estis malkovrita la sekreto. Nome, por distingi homon de dio, oni devas vidi, ĉu li havas ombron. Dioj ne havas ombrojn. Bone! Sed kiel distingu blindulo? Blindulo.... ne distingas.

Leo Belmont! Kiu estas blinda — tiu vin ne rimarkas.

Leo Belmont! Ankaŭ nia Majstro havis tre pezajn jarojn. Vi malgraŭ ĉio profetis al li per neforgeseblaj vortoj: Vi venkos, Sinjoro, vi venkos!

Leo Belmont! Je via sepdekjara aĝiĝo akceptu viajn proprajn eterno-vortojn: **Vi venkos. Sinjoro, vi venkos!**

## *PAROLADO DE DRO ADAMO ZAMENHOF.*

**(eksterprograme)**

Ekzistas kutimo, ke okaze de jubileoj oni rememoras iajn detalojn el la pasinteco da la jubileulo. Kvankam hodiaŭ ne mi estas jubileulo, tamen mi rakontos ion el miaj pasintaj jaroj, por kio mi pensas havi kelkan rajton, ĉar ĉi tie mi estas, post la jubileulo, eble la plej malnova esperantisto.

Mi komencis lerni Esperanton, kiam mi estis tute malgranda knabeto. En la kvara jaro de mia vivo mi jam sciis diri „bonan matenon" al mia patrino kaj „bonan nokton" al mia patro. Kiam mi jam povis iom legi, mi volonte ekzercadis min en la legado de la titoloj de la libroj, kiujn mi vidis ĉe mia patro. Mi ofte demandis pri la signifo de tiuj titoloj kaj mi baldaŭ jam sciis, kion signifas la vortoj: libro, vortaro, ekzercaro ktp. Unu fojon mi rimarkis super ia titolo la vorton Belmont, kaj mi demandis mian patron, kion ĝi signifas. La patro respondis: „Ho, tio estas granda poeto!". Mi komprenis, ke en Esperanto la vorto „Belmont" signifas poeton, kaj tiu ĉi asociaĵo restis en mia cerbo por ĉiam. Kiam poste la unuan fojon mi ekvidis montojn, mi trovis, ke ili estas tre belaj, kaj la belaj montoj tuj elvokis en mi la ideon de io poezia.

Dum miaj studentaj jaroj en Svisujo mi vidis Montblanc, Grandmont ktp, kaj ŝajnis al mi ĉiam, ke devas ie troviĝi la plej poezia Belmont.

Kaj mi ĝin trovis. Ne en Svisujo, sed en Esperantujo. Kaj Vi ĉiuj konsentos, ke ĝi estas la plej bela monto de la esperanta poezio!

## PAROLADO

**de dr-ino Paulina MUSZKATBLAT en la nomo de E. R. KONKORDO.**

„Ni velas antaŭen kun kredo, fervor',  
Benante la Majstron por verko,  
Kaj Lian anaron de plej frua hor'  
Fidelan al Li ĝis la ĉerko".

Unu el la unuaj, plej fidela el la fidelaj, la neŝancelebla gardisto kaj nelacigebla pioniro de la Zamenhofa ideo kaj idealo, nia fiero kaj ĝojo dum la serenaj tagoj, nia konsolo en ĉagreno, nia rifuĝejo dum senesperaj momentoj de sortobato, la dolĉa najtingalo de Esperantujo, de ni ĉiuj amata samideano Leo Belmont honoriĝis. nin hodiaŭ kiel plej kara gasto de nia soleno, solero de rikolto, — ĉar ni ĉiuj kunvenintaj esperas kaj deziras, ke hodiaŭ

„Feliĉa la semanto estas,  
Kiu printempe semis grenon,  
Kaj en aŭtuno ĝoje festas  
De bonrikolto la solenon".

Ĉar **semanto** estas Leo Belmont, semanto de l' espero kaj kredo.

Ekde la unua momento, kiam li eklernis E-on, Belmont skribis al nia Majstro la faman leteron, en kiu li profetis la venkon de E-o. Li fariĝas vera samideano kaj samidealano, fervora kaj fidela kunlaboranto de doktoro Ludovi-

ko Zamenhof en la kontraŭbatalado kaj kuracado de la plej kruela kripleco de l' homa animo kaj koro, — la kripleco de reciproka malamo, kiam „popolo popolon atakas kruele, frat' fraton atakas ŝakale".

Jen kion li mem konfesas:

„Se havus mi forton kaj spiron de l' vento
De l' viv' aliiĝus fason',
Mi estus semanto de ama la sento,
Ŝiranto de ĉiu malbon'.
Per polvo friponojn blindigus mi kure,
Falegus malver'—bastion',
Mi kverkojn fierajn fleksadus terure,
Karesus je roza la kron'."

Belmont komprenis plene la signifon de E-o kaj li ĵuris labori, li ĵuris batali por reunuigi l' homaron.

La ideo de Zamenhof profunde penetris en lian koron kaj renio en la mondo elŝiros ĝin for, ĝi havas radikojn profunde en kor'.

Post la plej kruela sortobato, kiu povis frapi nin, esperantistojn, en la momento, kiam ĉesis bati la plej nobla koro, kiam la mondon trakuris la Hioba scigo pri la morto de nia Majstro, eĉ tiam Belmont, ne lasis nin klini la kapojn. — Kiam ekparolis Leo Belmont, la vera esperantisto, la espero revenis en niajn korojn, kaj

„Antaŭ la tombo animo ne svenis,
El ĉerko la viva soniĝis lin vort'...
Spirit' Via, Majstro, sur manojn lin prenis,
Parol' lia estis espero kaj fort'.
Li rave rakontis pri amplena sono
De miraj kongresoj, pri glora etern' —
En Cambrigde, Ĝenev', Vaŝington',
Barcelono.
En Dresden, Antverpen, Bulonjo kaj
Bern'.
Pri tagoj de Kraków, ho, ne forgesitaj;
Miraklo fariĝis — rigardis li tuj:
Ĉirkaŭe eklumis okuloj ravitaj:
Hor' batas, Vin, Majstro, ekkonos Poluj'."

Kaj poste la profetaj vortoj:

„Sur tero libera, post multaj turmentoj,
De l' himno „Espero" eksonos pasi',
Ĉe tombo grandega diverslandaj gentoj
La manojn fratece etendos al si.
El tombo trankvila spirito de l' vero
Elvenos kun beno kaj amo por ni...
Nun dormu, ho, Majstro, tre dolĉe en
tero...
La horo de venko ekbatos por Vi!"

Tion diris Leo Belmont, ĉar li forte kredis, ke per Esperanto ekregos inter la homoj repaciĝo kaj konkordo.

Kiam post la morto de nia Majstro la verdan standardon prenis en siajn manojn Lia noblanima frato, la neniam forgesebla d-ro Leono Zamenhof, kiu unuigis ĉiujn adeptojn de l' interna ideo de Esperanto en la rondon „Konkordo", Leo Belmont fariĝis unu el la unuaj konkordanoj, konkordano kore kaj anime.

Nun mi havas plej altan honoron peti Vin, altestimata Sinjoro, en la nomo de l' Esperantista Rondo „Konkordo", en la nomo de ĉiuj, kiuj daŭrigas la spiritan vojon de nia Majstro, ke Vi bonvolu akcepti tiun ĉi diplomon de honora membro de l' Esperantista Rondo „Konkordo" en Varsovio. (Rim. de redaktanto: membrinoj enportas grandegan laŭran florkronon kaj metas ĉe la piedoj de l' jubileulo kaj f-ino M. legas la teston de l' diplomo:)

Kun Vi

La verdan standardon tre alte ni tenos,
Ĝi signas la bonon kaj belon,
La Forto mistera de l' mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

## Letero al Leo Belmont.

La rozoj, la miaj, alportas deziron
De ĉio plej bona, sinjoro;
Alportas saluton, alportas vivspiron,
For estu sufer' kaj doloro!

Profunde en floroj kaŝita ja estas
La rido sonora, serena.
Al vi mi ĝin donas... Ĉe vi ĝi jam restas
De tiu ĉi horo matena..

**Halina Weinstein.**

## List do Leo Belmonta.

Te róże, te moje, życzenie Ci niosą
Najlepszych łask szczęścia, o Panie!
Przynoszą Ci pokłon, ożywczą są rosą,
Skazują Twój ból na wygnanie.

Bo wiedz, że te kwiaty ukryły dziś w sobie
Dźwięk jasny i śmiech bezustanny—
Daruję je Tobie Niech będą przy Tobie
Już od tej godziny porannej...

Przełożył **Leo Belmont.**

## Respondo al Halina Weinstein.

Por kanto kaj floroj mi skribas hodiaŭ
Kanteton, en kiu mir' danka..
Ĉar al la maljuna dorrulo, ho Dio! —
Alsendas la rozojn roz' blanka....

## Odpowiedź Halinie Weinstein.

Za pieśń i za kwiaty piosenką Ci służę
I wdzięczne zdumienie w nią włożę...
Bo dziw! biała róża przysyła mi róże...
Staremu kolcowi — o, Boże!..

Aĥ! vin rekompencu por ili junulo,
Ravita pri dolĉa knabino,
Kaj metu ĉe viaj piedoj la rozojn, —
Vi tion meritas, Halino!

Anim' via dolĉa, aroma, serena...
Miraklo! — dornulo ŝanĝiĝas,
Radias per bril' via, roz' karesplena,
Per via arom' ebriiĝas!

Tradukis **Halina Weinstein.**

Ach! niechaj Ci za nie zapłaci ktoś młody,
Co olśni się słodką dziewczyną,
I złoży u stóp Twych róż całe ogrody,
Bo warta ich jesteś, Halino!

Twa dusza jest dźwięczną, i wonną, i słodką...
Cud sprawia, — że kolec się zmienia,
I wonią Twą poi się, różo-pieszczotko,
I blaskiem się Twym opromienia!

**Leo Belmont.**

*Respondo al respondo.*

Por belaj ĉi vortoj tre dankas, sinjoro,
Mi pro la enhav' kortuŝita....
La penson kaj senton mi diris per floro...
Ke estu la pens' plenumita!

**Halina Weinstein.**

Varsovio 19. I. 1935.

*Odpowiedź na odpowiedź.*

Za piękne te słowa serdecznie dziękuję,
Ich treścią głęboko wzruszona....
Przez kwiaty Ci rzekłam, co myślę i czuję...
Myśl moja niech będzie spełniona!

**Halina Weinstein.**

Warszawa, 19. I. 1935.

## *PAROLADO DE LEO BELMONT*

### DUM LA JUBILEA VESPERO, OKAZINTA LA 19. I. 1935. EN VARSOVIO.

Mi tute ne sciis, ke mi estas tiel meritplena. Mi konfesas, ke dum viaj paroladoj mi kelkfoje intencis malantaŭen turniĝi, por vidi, ĉu ne sidas post mi iu alia, al kiu rilatas viaj laŭdaj vortoj. Sed mi timis, ke persono, sidanta en la unua vico, estos indignigita pro mia turniĝo, kio ne decas al jubileulo. (Rim. de la redakcio: edzino de la jubileulo).

Kompreneble, ke deklamitaj ĉi tie miaj Esperantaj poeziajoj devis plaĉi, kio ne estas mirinda, kiam deklamis ilin tiel belega fraŭlina buŝeto kaj tiel kortuŝitaj voĉoj. Sed al la temo!...

La konata franca societa ĝentileco diras, ke „oni faru bonan mienon ĉe malbona ludo". La ĝusta Esperanta ĝentileco ne permesas fari malbonan mienon ĉe bona ludo. Kaj kiam muziko de viaj harmonie batantaj Esperantaj koroj estis efektive bona, do mi devas forpeli malgajajn rememorojn de mia dorna literatura vojo. Tamen. se mi volas danki vin, pleniĝas min profunda kortuŝo, kiu haltigas voĉon el la gorĝo. Ve! tio ne rajtigas min silenti, kvankam ĝuste mi devus havi rajton silenti, por konstati esprimitan ĉi tie opinion pri mi, ke mi estas „orbuŝa oratoro", ĉar „silento estas oro".

Mi konfesas, ke de l' momento, kiam mi ricevis vian invitkarton, mi sentis, ke surpremis min peza devo. Mi ellegis el ĝi, verdire kontenta, ke mi puŝis antaŭen ideon Esperantan. kaj ne, kiel skribus miaj simpatiaj malamikoj el la gazetaro, ke mi fuŝis.

Sed maltrankviligis min tio, ke oni festas tro frue mian Esperantan jubileon, ĉar mia laboro por Esperanto, naskita en la jaro 1887, daŭras nur 47 jarojn. La invitilo parolas ankoraŭ pri mia 50-jara literatura laboro; sed ĉi tie mi estas devigita konstati kun maldolĉa ironio. ke tiun ĉi mian duonjarcentan laboron, kies rezulto estas pli ol 100 volumoj, festis solene nur liberpensuloj, t. e. tiuj ĉi, al kiuj en niaj sociaj rilatoj oni donas plej malmulte da oksigeno por spirado, kaj nun vi festas, vi — el Esperantujo. Aliaj „festis" mian laboron... nur per silento. Troviĝis tamen ia gazeto, mencinta la honoradon de mia agado en Societo de Liberpensuloj. sed enŝteliĝis en la mencion, mi ne scias, ĉu malica ĉu simpla preseraro: „oni honoris laboron de nia „multŝulda" verkisto, (anstataŭ supozeble „meritplena").[1])

Cetere mi ne neas, ke mi estas samtempe ŝuldanto, sed ne decas moki tion, kiam oni devas pagi la impostojn, kaj la verda vivoarbo alportas al ni ofte nur... figojn. Sed miaj ŝuldoj estas sendube pli malgrandaj, ol tiuj ĉi de multaj ĉeestantoj ĉi tie. ĉar efektive mi ne posedas krediton. kvankam mia jubileo estas aranĝita en Pola Touring-Klubo ĉe str. Kredita.[2])

En tia situacio, ricevinte vian invit-

---

[1]). Vortludo en pola lingvo: **ŝuldanta** pole: **zadłużony**. **meritplena** pole: **zasłużony.**

[2]). Pola Touring-Klubo troviĝas en Varsovio ĉe str. Kredytowa (en esp. traduko Kredita).

karton, mi ekĝojis en la unua momento, ĉar traleginte la vorton „bankiet", mi tradukis ĝin Esperanten: „banketo"[3]), kaj mi pensis, ke vi intencas oferi al mi malgrandan bankon (banketon) rekompence de mia laboro. Ĉar sube de la invitkarto oni indikis la lokon de la enpago P. K. O.[4]), mi opiniis, ke vi donacas al mi Polan Poŝt-Ŝparkason, kio dume sufiĉus al mi.

Por ŝpari al mi penon de la jubilea parolado, mi volis kelkfoje interrompi al vi por doni formalan demandon: ĉu vi ne rajtigus min prokrasti la hodiaŭan feston por tri jaroj. Mi povus ankoraŭ nun iri al kuiristo kaj peti lin konservi preparitan vespermanĝon ĝis la ĝusta limtempo... Ne! vi ne konsentas? — vi opinias, ke ĝi estus nedigestebla jubileo?... Ha! — oni devas plue paroli.

* * *

Kaj kiel trovi en la parolado ĝustan proporcion inter modesteco kaj propra indeco?

Ĉu vi ne opinius troiĝo en modesteco, se mi dirus al vi ekz. tian konjekton: iu el Esperantistoj, eldirinte la vorton **„jubileo"**, trovis en la finaĵo: Leo; iu alia, rememorinte mian familian nomon Belmonto, rimarkis en la finaĵo: onto (estonteco). Kaj vi pensis, ke por estonteco de Esperanto valorus aranĝi jubileon de Leo Bel-monto. Kaj tio ne koncernis mian personon, sed tute simple ian unuulon, servanta, kiel simbolo. por propagando de bona afero, por Esperanto. Kiam pli bonaj ol mi, la **unuaj** apostoloj de nia lingvo: la kreinto de Esperanta vortaro — Grabowski, la historiisto de Esperanto — Zakrzewski, ambaŭ fratoj de la Majstro, fervora propagandisto de la ideo — Brzosiowski kune kun la kreinto de la lingvo foriris en landon de ombroj, — el tiu ĉi plejado restis nur mi sola... Vi rememoris, kiel, por ekami la ideon, bezona estas al popolamaso ia konkreta unuulo. Vi rememoris, kiel Pompeo post konkero de Jerusalemo enpaŝis en la templon kaj ekmiris, ke en la „Sanktejo de Sanktuloj". restadejo de nevidebla spirita Dio, li trovis nenion; tiam li ekvokis: „sendia nacio!", ĉar li kredis al superstiĉaj fabloj de roma popolo, ke hebreoj kaŝas tie sanktigitan azenon.

Do por servi al propagando vi diris al vi mem: „kaj ni ankaŭ devas havi nian azenon!..."

Mi estas kontenta, ke en tiu ĉi momento vi ne aplaŭdis min. Tiamaniere vi afable konstatas, ke tio estus troiĝo de mia modesteco.

Tamen, se oni parolus pri propra indeco, tiam rajtigita de Schoppenhauer, ordonanta al eminentuloj koni sian valoron, kaj laŭ principo de Goethe: „nur Lumpen sind bescheiden",[1]) — eble mi havus rajton diri: anstataŭ riski ĉi tie, ke iu pensos pri perdita hodiaŭa vespero, ĉu ne estus pli bone, se mi, kiel Cezaro rezignanta pri triumfaj festoj de siaj venkoj. prefere falus morta, trapikita per dekkelkaj ponardoj de mortigantoj, kaj se mi ekkrius kovrante la vizaĝon per mantelo: „et tu, Brute, contra me!". Ĉar ĉu tio ne estas pli bela, ol se tiu ĉi Cezaro, sidigita dum sia maljunaĝo ĉe jubilea tablo. renkontinte rigardon de Brutuso, ekvokus al li: „Brutuso, sidiĝu kontraŭ mi".

Ĉu ne estas maldolĉe, ke al homoj, multe laborantaj dum la vivo, oni faras solenaĵojn en tempo, kiam ili malfortiĝis, perdis krean kapablon, oratoran talenton kaj... oni devigas ilin paroli tiamaniere, ke ili, gardu Dio, ne kompromitiĝu?

Sed ĉu tio ĉi ne ŝajnos al vi troiĝo de la indeco, ĉu vi ne riproĉos min, ke mi komparis min kun Cezaro?

* * *

Do kiam de ĉie minacas danĝeroj, preferinde estas paroli, rerigardante nenion, precipe la pasintecon. La scienco ankaŭ rigardas malantaŭen, ĝi fluas al ni el ne multaj fontoj.

Instruas nin ne rigardi malantaŭen sorĉa fabelo pri Parizado el „Mil kaj unu noktoj", en kiu al herooj, irantaj serĉi oran fonton, minacis pro rigardo malantaŭen aliformiĝo en ensorĉigitan ŝtonon. Intruas nin pri tio historio de malfeliĉa edzino de Lot kiu pro rigardo malantaŭen estis aliformigita en salkolonon. La saman instruon donas al ni Mickiewicz en „Euthanazja" en maldolĉaj vortoj, ke homo, kiu en vivfino rigardos malantaŭen, konkludos, ke **„kio ajn** li etis, prefere" al li estis „esti **nenio"**.

Do, mi estu simila al tiu ĉi bonkora maljunulo, kiu dum sia jubilea bankedo, turnis sin modeste al siaj adorantoj kun

---

[3]). **Bankiet** — pole **bankedo** esp. S-ro Belmont uzis ŝerce tiun ĉi tradukon.

[4]). P. K. O. — Pocztowa Kasa Oszczedności (Pola Poŝt-Ŝparkaso). Sur la invitkarto estis montrita P. K. O. — konto de unu el la organizintoj de la Belmont-jubileo

(Rimarkoj de la Redakcio).

[1]). „Nur sentaŭguloj estas modestaj"

jenaj vortoj: „Mi petas, ne rigardu min!" Verdire, li estis manĝegulo kaj drinkulo, kiu en fino de la festo falis sub tablon, kio gajigis la gastojn.

* * *

Mi ne estos rigardanta mian literaturan pasintecon. Cetere ne valoras! Ĝenerale literaturo estas hodiaŭ forpuŝita de sporto sur malantaŭan lokon. Kaj tute prave! Ĉar kio estas literaturo? Kiam verkisto skribas pri aliuloj — ĝi estas mensogo, ĉar kiu povas trapenetri misteran malhelecon de ies animo; se li skribas pri si mem — tio estas nediskreta, ne decas, ĉar ĉu estas inde postuli kompaton de aliuloj? Des pli, se la aŭtoro skribas pri si... mensogaĵojn?!

Sokrato akiris gloron de saĝulo, ĉar li neniam ion skribis; la tutan skribadpenon pri si li lasis al Plato kaj Ksenofonto.

Papini rimarkas, ke Kristo nur unu fojon „decidiĝis skribi", — kaj eĉ tiam, en momento, kiam oni venigis al Li la pekulinon, „Li skribis sur sablo, por ke la vento disblovu la postsignojn de Lia skribo". Verŝajne Li antaŭvidis, ke Lia amistruo, donita sur papero, estos baldaŭ pro malkompreno de legontoj ŝanĝita en propagandon de malamo.

* * *

Do eble mi devas paroli nur pri Esperantismo. Sed nun — pardonu tiuj ĉi el la gastoj, kiuj ne komprenas Esperanton — ke mi parolos Esperantlingve, ĉar nur al miaj samideanoj mi povas konfidi unu sekreton — frukton de maldolĉaj pensoj kaj spertoj.

**La jubileulo parolas Esperantlingve.**

Karaj samideanoj! Mi tre estimas vin pro tio, ke vi certigas homojn, ke la disvastigo de la lingvo Esperanto estas finonta miskomprenojn kaj bataloin inter nacioj de la tero. Konvinkadu ilin plue pri tio, sed permesu, ke mi rakontos al vi pri mia maldolĉa malkovro.

La ebleco interkompreniĝi en unu lingvo malfermas vojon al diskuto kaj ĝuste pro tio ĝi fariĝas fonto de malkonkordo. Tiuj, kiuj ne povas interparoli, neniam kverelas. Sed la samaj vortoj estas veksignalo al milo da diversaj interpretoj. Francoj kriis: „libereco, frateco, egaleco". kio tute ne malhelpis al ili tranĉi al si reciproke kapojn per gilotino.

Mi memoras ekskurson de partoprenintoj de Krakova Kongreso (1912) al Żakopane. En sanatorio de doktoro Dłuski parolis al pola publiko delegitoj de diversaj nacioj. Mi havis la honoron traduki iliajn parolojn el Esperanto polen. Jen troviĝis iu naiva sakso, kiu en sia parolo diris, ke polojn kaj saksojn kunigas delonge simpatio pro komuna reĝa dinastio, de Saksaj Aŭgustoj. Kiam mi tion tradukis, inter tiuj, kiuj konis sentaŭgecon de Aŭgusto II la Forta, pripensanta perfide cedi Polujon al fremdaj ŝtatoj, kaj inter tiuj, kiuj konis la moralan mizeron de lia filo, komenciĝis ridoj kaj krioj: „Sed ili ja estis fripono j!" La Sakso demandis: „Kion ili diras?" Ĉu ne estis bone, ke li ne komprenis? Mi mensogis kaj diris al li, ke pola vorto: „łajdak" (fripono) signifas: „bravulo". Dum la reveno volis mia sakso fari komplimenton al kunvojaĝinto. Li diris al li pole: „łajdak", pro kio oni batis lin kaj forjetis el la vagono. Jen rezulto de la interkompreniĝo en unu lingvo! Ni estis devigitaj forsendi lin je nia kosto al lia Saksujo!...

Ne pensu tamen, ke mi ne vidas valoron de Esperanto, kiun kun tia furiozeco atakis nia gazetaro. Mi tamen opinias, ke vi trotaksas la signifon de mia rolo, kiun mi ekludis, batalante kontraŭ tiu ĉi furiozeco. En tiu ĉi afero multe pli meritis, kiel... specialisto en kuracado de furiozeco[1]) nia profesoro Bujwid!

**La jubileulo parolas ree en pola lingvo.**

Ĉiel vi trovaloriĝas miajn meritojn. Vi zorgas pri mia gloro. Ho, ve! vi faras tion en la momento, kiam mi mem seniluziiĝis koncerne la valoron de la gloro. Mi tralegis la enciklopedion de Orgelbrand, 16 volumojn, kaj mi scias, kia hazardo estas gloro. Plej ofte ĝi venas post la morto.

Mi ne estas jam tiu junulo, kiu, kiel Lermontov, vokis:

„ ...Valor' de l' vivo? Jen
Donu al mi la glorpokalon,
Kvankam en ĝi troviĝos venen'!"

Hodiaŭ mi, pli aĝa, pensas kun Ŝekspir, ke „gloro estas kiel cirkloj sur akvo — ju pli malproksimen ili disiras, des pli ili estas malaperemaj". Mi kredas al saĝeco de Ŝekspir, ke „Tempo pasas, havante sur la dorso korbon, en kiun la nuntempuloj ĵetas, kvazaŭ balaaĵojn, meritojn de eminentuloj ofere al dio de forgesemo kaj al monstro de maldankemo".

Mi memoras, iam, en mia junaĝo, mi revis almenaŭ pri la famo de Herostrato, bruliginta la templon de Diana en Efe-

---

[1]). Prof. Bujwid estas famkonata, kiel specialisto en kuracado de rabio.
Rim. de la Redakcio.

zo. Mi eĉ volis bruligi banejon sub firmao „Diana", troviĝanta ĉe strato Chmielna. Poste tamen mi konsideris, ke mi tion farus tute vane, ĉar la malfavora al mi ĝazetaro, certe komencus pruvadi antaŭ la juĝistaro, ke... ne mi estas bruliginto!

Kaj hodiaŭ, indiferenta pri gloro, mi diras, kiel Noa forlasinta la arkeon kaj surpaŝinta la kontinenton: „Après moi le déluge"[1] kaj, kiel nia patriarko, mi irus drinki malgraŭ indigno de ĉiuj Ĥamidoj[2].

Sed gardu Dio, se mi ne estimas vian bonan intencon. Ĉiu homo havas propran subjektivan vizion de la naskiĝurbo. Por unuj Varsovio estas grandioza araba, ĉefurbo, Kordovo, kie iluminacio estas laŭlonge de kelkkilometra ĉefstrato. Por mi ĝi estas malplena kaj malhela strateto, kie el fenestroj oni elverŝas malpuraĵojn de kalumnio. Sed mi dankas vin! Vi lumigis por mi hodiaŭ vespere lanternon kaj vi ekkomencis proceson kun Malgloro pri mia bona reputacio!

* * *

Mi estas preta pensi kune kun vi, ke estas pli bona malgranda bankedo dum la vivo, ol granda regalo post la morto.

Tamen — se mi devas esti sincera — kaptas min ia pripenso.

Mortinto, kiam li estas honorata, havas multajn privilegiojn, kiujn ne posedas vivanta jubileulo.

Li ne bezonas respondi al funebraj paroladoj ĉe la ĉerko, kiel estas tion devigita fari la vivanta jubileulo, kiu en 70-jara aĝo estas jam „mallertulo" — do ne minacas lin kompromito dum la jubileo.

Li ne bezonas esti saĝa kaj peni fariĝi pli perfekta ol li efektive estas, kaj li ankaŭ ne bezonas imiti la stilon de siaj verkoj, kiujn hazarde povas koni tiuj, kiuj honoras lin dum la solena vespero.

Li ne bezonas malsatigi sin por havi bonan apetiton dum la bankedo kaj pensi plezure: „jubilea bankedo estas bonega ideo kaj valorus ĝin aranĝi al ni ĉiutage, ĉar tiam la homo havus certigitan manĝaĵon, almenaŭ unu foion en la tago — ĝis fino de la vivo!"

Mortinto ne bezonas ruĝiĝi, kiam la funebra parolanto atribuas al li la kreon de „Marja" de Malczewski. Li povas esti pala kaj ne timi la riproĉojn, ke li estas senhonta, ĉar li ne ruĝiĝas, kiam laŭdas lin la funebraj parolantoj. Nek li bezonas elsalti el la haŭto, kiam liaj adorantoj, citante liajn meritojn, forlasas liajn plej valorajn verkojn.

Kompreneble mi pensas pri tute deca mortinto, kaj ne pri tiu ĉi letargiulo, kiu interrompis la funebran parolon, kriante: „ne faru min ankoraŭ senmorta!" La adorantoj timiĝitaj diskuris kaj aranĝis al li nenian jubileon, opiniante lin malĝentila ŝerculo"!

Koncerne min, ĝis kiam mi vivas, — mi volas doni la voĉon al vero. Mi konfesas, ke... mi faris nenion. Sed ĉion, kion mi faris, mi ŝuldas al mia fidela vivkunulino. Do mi dezirus, ke la pli grandan parton de la laŭdoj, per kiuj vi donacas min, vi direktu al mia edzino!

Tradukis **Halina Weinstein.**

[1]. „Post mi la diluvo"

[2]. Ĥam — dua fila de Noa. Vortludo en pola lingvo: **Ĥam** oni skribas pole: **Cham** (ĝi signifas ankaŭ: krudulo). (Rim. de la Redakcio)

## *LETERO DE LEO BELMONT, SKRIBITA EN 1887 JARO AL LA AŬTORO DE ESPERANTO.*

Estimegata Sinjoro,

Mi devas ekdiri mian penson, mi ne povas malliberigi mian skribilon, mi bezonas nun, en plej proksimaj vortoj, ekvoĉi al vi: „Vi venkos, sinjoro, vi venkos!" Kvankam blinda mondo ridetas kaj ridegas, per fingroj montras la „lingvofaristojn, la gramatikajn ekvilibristojn, la leĝdonantojn de tutmonda parolegajo", kvankam Volapükanoj kaj Esperantanoj hodiaŭ ne unufoje ruĝiĝas je vangoj en praktika societo, kaŝas en anguloj de l' animo sian „sonĝeraron" aŭ eĉ faras sin „ridindaj"; kvankam iaj kritikuloj, genuiĝantaj nur antaŭ propra saĝeco aŭ antaŭ estinto, ne komprenantaj la estonton, ŝanceliĝas, la „saĝaj kapoj"; — kvankam, fine, multaj homoj ekbaros vian iradon kontraŭ Volapük, malgraŭ mil aliaj kaŭzoj kaj baroj, vi venkos. Sinjoro, vi venkos!

Mi nun, kun ĉiu tago, pli kredas, ke post mallonga tempo via lingvo eksonos en milaj buŝoj de l' unua fino ĝis dua fino de Eŭropo. Tiel facila ĝi estas, ke la plej granda parto de homoj ne komprenos vian laboron; jam hodiaŭ mi aŭdis: oni diris, ke vi donis nenion, ke vi nur ŝanĝetis la vortojn de lingvoj romanaj... kaj sciu Sinjoro — ha, vi mem tion

scias — ke ĝi estas la plej granda laŭdo por vi, la homaro tion poste komprenos!

Kaj mi, mi estas feliĉa, ke jam hodiaŭ mi konas vian lingvon. Kiom da plezuro havas mi per ĝi! Mi pli kaj pli miras, ke per via vortareto oni povas eldiri tielan riĉecon da pensoj kaj pensonuancoj!

Mi ne kredis ankoraŭ hieraŭ, ke mi trovos tion, kion mi havas hodiaŭ. Ĝi ne estos superlaŭdo, se mi diros, ke en via lingvo oni povas ekkrei per facilaj rimedoj fortaĵon kaj malfortaĵon (egecon kaj etecon), kuraĝecon kaj ironion, fajrejojn kaj ombrejojn de pensoj, de sentoj, pli videble, pli kompreneble, pli senteble ol en la lingvoj naturaj: stilo tie ĉi estos kun tempo pli originala, pli nova, pli lakonika kaj pensoplena, brila, harmonia kaj sprita!

Mi ne povus al vi ĉion diri antaŭ okuloj, sed vi povas kredi al mi per via tuta koro. Kion mi skribas, mi skribas kun kredo kaj espero, kaj mi ne povas alie skribi, kiam mi vidas, ke mia plumo flugas, kuras kaj fluas sur papero kaj ankaŭ bone aŭdas miajn pensojn kaj ne trompas min!

Kaj ĉu mi tre ŝvitis aŭ tre enuis, ekkernante vian lingvon?.... Ne!... neniom!..

Ho! se la instruistoj de l' amaso, la geniaj homoj, la poetoj konus vian lingvon!! Mi, kiu hodiaŭ iom konas kelkajn aliajn lingvojn, mi jam havas multe pli larĝan horizonton!

La kreinto de bona lingvo internacia estas preskaŭ dua Gutenbergo: tiu ĉi donis flugilojn al homa penso, tiu detruas la lingvajn murojn, kiuj baradis la pensojn de la diversaj popoloj!

Kaj vi estas tia kreinto! Kvankam mi estas nek antaŭvidanto, nek estontparolisto (profeto), mi maltimas tion ekvoĉi: Vi venkos, Sinjoro, vi venkos!

**Leo Belmont.**

(El „Pola Esperantisto" n-ro 8, aŭgusto 1912).

# *AL LA SOCIETO „KONKORDO".*

Concordia res parvae crescunt,
discordia maximae dillabuntur.

Pravis Romano diranta,
Ke kreskas ĉiam per Konkordo
Afer' malgranda; detruanta
Plej grandajn — estas malkonkordo!

Do scias mi, ke belsonanta
Plenharmonia brav-akordo —
Estis laboro esperanta
En via rondo, la „Konkordo".

Pro tio estas belsonora —
Pli, ol titolo: „Angla lordo",
Ke vi min nomis: „Membr' honora"
De l' societo de Konkordo.

Tia honoro min eklevis
Ĉe kara samideanaro....
Mi nur bedaŭras, ke ricevis
Ĝin en monato januaro....

Ĉar, se tiu ĉi grand-estimo
Atingus min nur en novembro,
Ne mankus tiam bona rimo
En danko de l'
Honora membro!

Varsovio, 4. II. 35. **Leo Belmont.**

**LEO BELMONT.**

# *Mia portreto.*

Mia panjo — nigra ink-botelo,
Mia patro — dismordita plumo.
La animo — ĉifa bagatelo
Kaj la haŭto — de lepor' kostumo,
La direkto — flago sur tegmento.
L' karaktero — la ĉifonaj vestoj
La riĉaĵoj — en la dom' el vento.
La okupo — senlaboraj festoj
Kaj l' kvalitoj — polv' kaj kot' mizera,
Kiuj de la viv-voj' sur mi restas.
Sola virto: — homo nedanĝera,
La kapricoj — dioj miaj estas.
Talent' mia — artifik-rimaĉoj
La bril' pensa — kvazaŭ seb-kandelo,
Miaj planoj — de infan' ekplaĉoj:
Vitr' fenestra, aŭ stel' de ĉielo.
La memoro — poŝo truoplena
Kaj obstino — la firmec' de-aska.
Mia ĝojo — l' longa lang' venena
Mia sprito — arlekena kasko
Kaj la scio — lekita poluro
De fraz' glata, de libraj titoloj
L' fantazio — pala la purpuro
De malnovaj disŝiritaj toloj
Mia kredo — ĉiam io nova
Kaj l' ideo — ĉia aŭ' porŝtela.
Stult-humoro — jen amik' bontrova.
La enuo — amatin' fidela.
Min protektas — ambicia vanto
Kiu por l' anim' estas turmento.
Ĝem' acida — la funebra kanto
Kaj streĉ-nervoj — mia instrumento.
Almozulo — jen al mi egala.
Mia vojo — la publik-trotejo
Mi mem — mia malamik' fatala
Kaj fin-celo — nur la mort'! — jen plejo!

El „Rimoj kaj Ritmoj" vol. I
tradukis **Edvardo Wiesenfeld L. K.**

*LEO BELMONT*

# *SUR LA MARĜENO.*

*Spirit' altfluga, ĉiam aktiva,*
*Jen kondamnita je la geheno:*
*Sort' min enskribis en libro viva*
*Sur la marĝeno.*

*Mi realigi volus dezirojn*
*Kaj io tuj min flanken deĵetas.*
*Vanaj montriĝas intencoj, peno:*
*Mi nek suferojn, nek ĝoj'-aspirojn*
*Kunsenti povas, - vivo min metas*
*Sur la marĝeno.*

*Unua foje, mi jam esperis*
*Venki junulojn en tiu horo,*
*Kiam ŝi sentojn miajn toleris*
*Kaj kelkajn vortojn al mi oferis -*
*Sed baldaŭ lasis min jam fervoro,*
*Mi sur kutima staris posteno:*
*Ĉar ŝi enskribis min en la koro -*
*Sur la marĝeno.*

*Parnas' min logis: alten mi iros.*
*Mi varme revis pri laŭr'-folio .*
*Kaj jen mi ŝtonan truon akiros*
*Aŭ la forgeson de l' opinio...*
*La kritikisto per ink' min ŝmiros,*
*Moke enskribos li min sen ĝeno*
*En libr' de l' gloro nur per mencio*
*Sur la marĝeno.*

*Jen mia sorto: loko pretera*
*Aŭ vana porto de l' laboremo...*
*Falas folioj de l' arb' espera....*
*Rompita koro, viv' senprospera*
*Kaj cindrigita la pasiemo...*
*Indiferento, de l' malŝat' premo,*
*Persekutanta en viv'-ĝardeno. .*
*Unu haveno - la lok' mizera*
*Sur la marĝeno.*

*Do, ĝis obeas min sent' memvola,*
*Kun akompano de la ĉagreno,*
*Mi mem forirus al viv' marĝeno:*
*Mort' por mi estus esper' konsola!*
*Sed memmortigo? - tombo izola..*
*Mi poreterne tiam ricevus*
*Lokon de mia nuna posteno:*
*Sur la tombejo mi kuŝi devus -*
*Sur la marĝeno!*

*El pola lingvo tradukis*

*ST. KAROLCZYK.*

# SALUTOJ.

En la nomo de Literatura Mondo salutis la speciale el Łódź veninta s-ano I. Lejzerowicz. Belega duminuta parolo kun fino:.... se niaj ĝvidantoj estas tiaj senlaculoj, kiel Leo Belmont, do certe „NI VENKOS, SINJORO, NI VENKOS".

En la nomo de U. E. A. speciale el Białystok alvenis saluti la ĈD. S-ano J. Ŝapiro.

**Leteroj.** L. K., Int. Cseh-Instituto, New Zealand E. Ass-tion (Wm King), „Fine ĝi venkos" (Hag), Svenska E. Förbundet (P. Nylen), Estonia E. Unuiĝo „Espero" (Tallinn), E. Asocio de Estonio, De la poeto Juljan Tuwim, De M. Wawrzeniecki, Red. Ad. Uziembło, kaj de tre multaj aliaj. Pro lok-ŝparo ni ne ĉiujn citos, kvankam ĉiuj kore viditaj.

**Telegramoj:** Ankaŭ ne ĉiuj mencieblaj. Tamen kelkaj, speciale interesaj, estu notitaj: T-stwo Literatów i Dziennikarzy Polskich (prezid. F. A. Ossendowski), E. Societoj en Kraków, Łódź, Lublin, Bydgoszcz k. a..... Tre kortuŝa estis telegramo de Roman Pieczyrak (Lublin), bezpłatny odbiorca „Wolnego Słowa" na Syberji, wówczas więzień polityczny. (Bruaj aplaŭdoj). El ĉiuj tre multnombraj estis ankaŭ aplaŭdata la jena: Fidelan Esperanto-pioniron. Konstantan batalanton - kavaliron, Serĉanton bravan de la vero Salutas en Soveta tero — **Nekrasov**, Moskvo.

# BLINDA POETO-FENOMENO.

## (I. I. KOZLOV)

Tiun ĉi artikolon mi dediĉas al nobla poetino Varma de Thilander.

**Leo Belmont.**

Ivan Ivanoviĉ Kozlov naskiĝis en Moskvo la 11-an de aprilo en 1779 jaro. Li estis filo de konata sekretario ŝtata ĉe korto de Katerino la Granda kaj, apartenante al altranga societo moskva, havis antaŭ si perspektivon de brila kariero. En kvina jaro de la vivo li estis alnombrita laŭ kutimoj de tiama tempo al ĝvardio, kiel serĝento, en deksesa li estis jam signojunkro, sed, preferante pacajn okupojn, li transiris al servo civila kaj rapide atingis pli altan ŝtupon oficar en departemento de „heroldio". Tiu rapideco estis rezulto de eminentaj kapabloj kaj de bona eduko, ricevita danke al neordinara patrino. Bela junulo, amata en societo, amiko de glora poeto Ĵukovskij, edziĝis, havis du infanojn kaj vivis feliĉe. Mil-okcent-dek-

dua jaro, eniro de Napoleono, disrompis tiun ĉi pacan kuron de lia vivo — li estis devigita lasi Moskvon. Post la milito li ne revenis la detruitan Moskvon, sed veturis Peterburgon, kie komence sorto lia reordiĝis feliĉe.

Sed en jaro 1818, kiam li estis preskaŭ kvardekjara, trafis lin terura sperto; paralizo forprenis la movon al liaj piedoj, poste okazis malforto de vidsento, ĝi kreskadis kaj en jaro 1821 Kozlov tute blindiĝis.

Ŝajnis, ke tuta estonteco de la malfeliĉulo estis rompita. Sed jen okazis fenomeno. En tiu malfacila tempo vekiĝis dormetantaj en li poeziaj fortoj. Sendube, li havis inklinojn al literaturo jam en pli frua tempo, sed la devoj de l' oficа servo malpermesis al li okupiĝi pri poezio. Nun, sur lito de la malsano li donis al la mondo kortuŝan vidaĵojn de l' homo, kiu inter neelporteblaj suferoj ne perdas energion, sed trovas por si novajn fontojn kaj novajn vojojn de l' vivo.

La originala poemo „La Monaĥo" — kreita laŭ spirito de poezio de Byron — starigas lian nomon en vico de plej bonaj poetoj de tiu tempo (eldonita en jaro 1824). La blindulo kun helpo de aliaj personoj studas nune lingvojn germanan, anglan, polan, italan (francan li ekposedis perfekte en aĝo infana); li aŭskultas la filinon, legantan al li plej belajn verkojn de Schiller, Goethe, Byron, Shakespeare, Chateaubriand, Mickiewicz — li ellernas ilin parkere kaj poste tradukas, diktas al la filino, aŭskultas la tradukojn, korektas.

Tiamaniere li trovas neelĉerpeblan fonton de inspiro kaj fariĝas unu el plej bonaj tradukantoj — poetoj. Liaj tradukoj estas egalaj laŭ valoro al la geniaj originaloj.

Žukovskij, observante lin en ĉi tiu epoko, skribas pri li: „Vera kristano en humiliĝo antaŭ terura neceso, Kozlov, toleris sian sorton kun mirinda kuraĝo; li dankis al Dio, ke Li, altrudinte al la malsanulo penigan pruvon, donacis al li samtempe grandan konsilon; disiginte lin per la malsano por ĉiam de la mondoekstera kaj ĝiaj ĝojoj, tiel ŝanĝeblaj, malfermis al liaj senvidaj okuloj la internan, diversan kaj neŝanĝeman mondon de poezio, brilantan per kredo, purigitan per sufero. Havante la eksterordinaran memoron — (kia feliĉo por la blindulo!) — Kozlov konstruadis el profundo de l' animo tutan sian estintecon, vivis per ĝi en estanteco, kaj ĝis lasta minuto de la vivo posedis freŝecon kaj varmecon de la koro amanta. Malfeliĉo faris el li poeton — la jaroj de sufero estis plej fruktodonaj jaroj de lia vivo. Li konis parkere tutan Byron'on, tutajn poemojn de Walter Scott, plej bonajn pecojn de Shakespeare kaj Racine. Sed pli dolĉa konsolo estis al li, ke li povis parkere citi tutan Evangelion. Detruiĝinta korpe, li trovis savon en religio kaj poezio. Suferanta — li ne restis [illegible] al la mondo: kun scivolemo de infano li demandis, kio fariĝas en lia tempo, kaj vivis anime kun grandaj homoj de sia epoko."

En liaj poezioj estis tiom da komunhomaj sentoj, ke la samtempuloj ravite respondis al la poeziaj pensoj de la blindulo-poeto. Lia poemo: „Monaĥo" antaŭ eldono cirkuladis en manuskriptoj kaj estis ellernata parkere de la samtempuloj. Granda Puŝkin, ricevinte tiun verkon, esprimis sian ravitecon per la versaĵo, kiu estas perlo de poezio kaj samtempe atestas noblan senton de la geniulo, komprenanta, kiel oni devas honoriĝi la fenomenon: la blindulon, kiu kreas trezorojn de poezio. Ni citas proze tiun ĉi versaĵon, por ke ni estu laŭvortaj:

„Kantisto, kiam antaŭ vi la tera mondo en nebuloj kaŝis sin, genio via sammomente ekvekiĝis, rigardis tutan estintecon kaj ekkartis mirindajn kantojn.

„Ho, kara frato, kiaj sonoj! Mi aŭdas ilin en larmoj de raviteco: per via ĉiela kanto vi endormigis terajn turmentojn.

„Vi vidas kaj kuras en nova mondo, kreita per via genio: vi revivigas kaj ĉirkaŭprenas diaĵon de floranta juneco.

„Kaj se eĉ nur unu mia verso donis al vi la momenton de ĝojo, mi ne volas jam havi alian rekompencon: ne vane mi trairis per malhela vojeto la dezerton de l' vivo: jes! ne vane la sorto donacis al mi la vivon kaj la liron!"...

Ne unu Puŝkin honoris la Muzon de Kozlov. Multaj eminentaj poetoj de tiu epoko estis liaj amikoj kaj skribis al li versaĵojn: Turgeniev, Gnediĉ, Baratynskij, Delvig k. a. Vizitadis lin loĝanta tiutempe en Peterburg genia pola poeto, Mickiewicz, paroladis longe kun li kaj ŝatis lian muzon. Kozlov skribis multajn lirikajn poeziojn originalajn krom la tradukoj, inter kiuj unuan lokon okupas tradukoj de gloraj „Krimeaj sonetoj" de Mickiewicz.

Cirklo de liaj interesiĝoj poetaj estas mirinde larĝa. Li unua vekas inter Ru-

ŝoj la komprenon por Byron, tradukinte tutan poemon: „Fianĉinon el Abidos",— tiun ĉi tradukon li dediĉas al juna imperiestrino. Li tradukas el Angloj krom Byron la verkojn de Shakespeare, Walter Scott, Wordsworth, Shelley, Moor, Burns (Skoto); el Francoj tiujn de — Andreo Chenier, Millevoye, Chateaubriand, Lamartine; el Italoj — de Tasso, Petrarca, Ariosto, Dante; el Germanoj — de Schiller, k. t. p. Kaj ĉion ĉi en stato de blindeco kaj doloro de konstanta malsano.

Gloro poeta kaj amikeco de ravitaj de li gloruloj en literaturo kaj arto tiutempa, precipe de kompatemaj virinoj, per sia beleco, kaj nobla animo okupantaj unuajn lokojn en societo — enportis lumon en mallumon de lia vivo. Eminentaj tremduloj, loĝantaj en ĉefurbo de Rusujo, skribis al li kortuŝajn versojn — signoj de honorigo al la blindulo - genio.

Eminentulo de la rusa kritiko, Bieliński, tiel lin karakterizas: „Lia talento estis esprimo de la anima vereco, kunligita kun lia vivo. Mirinde! Sen perdo de vidsento Kozlov povus travivi la tutan vivon, ne diveninte en si poeton. Sed la terura malfeliĉo devigis lin konatiĝi kun si mem, enrigardi en enigman sanktejon de sia animo kaj malkovri ĉi tie puran fonton de l' inspiro. Sakramento de doloro, humiligo al volo Dia, espero de pli bona vivo, postmorta sombrua ĉagreno, maltenita malĝojo — estas kvankam unutona, tamen vekanta simpation, koloraro de liaj melodiaj versoj.

Suferujo, atestanta pri eksterordinarai trezoroj de l' homa animo, alte nobla en malfeliĉo, travivis dudek jarojn, kiel blindulo verkanta, ĝis 30 de januaro de 1840 jaro. De momento, kiam li, paralizita, perdis vidsenton kaj piedmovon, liaj turmentoj fizikaj senĉese kreskis kaj atingadis iufoje plej akran gradon, sed ili — atestas Żukovskij — „neniam influis lian animon, kiu ĉiam venkadis kaj en intervaloj agadis kun juna freŝeco. Nur dek tagojn antaŭ morto turmentoj tute ĉesis. La morto aliris al li per mallaŭtaj paŝoj — li forgesis sin sur ĝiaj manoj kaj la vivo foriris nevideble".

Ni citu en fino belan verson, skribitan al Kozlov de vojaĝanto Vicomte François de la Bouillerie — bedaŭrinde, pro manko de tempo nur en proza traduko:

Amiko mia! Ve, ne vidas vi;
Pro tio — ĉu ne vere? — por vin konsoli,
Estas plena je sankta sentemo
Via mordo — mondo de animheleco.
Ni estas iufoje ravitaj.
Rigardante stelon aŭ floron.
Sed, ĉu ne vere? — per pli bonaj briloj
Briletas via nevidebla lumo.
Amiko mia! Ve, ne vidas vi;
Jen diru al ni, per kies forto ordonanta
Vi flugas en mondo de vidindaĵoj,
Ne vidante teran vanecon.
Kion do valoras, ke nia paŝo
Estas rapida kaj kuraĝa,
Ke ni ne konas laciĝon?
Ni devas tutan vivon rapidi —
Sed kie estas, fine, limo nia?
Amiko mia, kvankam vi ne iras,
Tamen vi montru al ni la vojon,
Distru maltrankvilon de la dubo,
Detruu nian animan blindecon!

**Leo Belmont**

## Tre estimata kaj amata Sinjoro Redaktoro!

Kvankam lingvo esperanta estas ne malpli riĉa, ol plej riĉaj lingvoj naturaj, neeble estas por mi trovi eĉ en nia vortaro akademia kun ĉiuj aldonoj sufiĉajn vortojn por esprimi mian profundan dankemon al ĉiuj, kiuj okaze de mia 50-jara literatura jubileo troŝutis amike miajn modestajn meritojn al Esperantujo.

Ne havante tiom da manoj, kiom havis legenda multmana Briareo, mi ne povas aparte danki al ĉiu: mi ne povas ankaŭ pro konfuzo elkalkuli nome ĉiujn, kiuj amike partoprenis en mia honorigo — ĉiujn aranĝantojn, gastojn, delegitojn, oratorojn, ĉiujn instituciojn, rondojn, sendintojn de leteroj kaj telegramoj, ĉiujn favorajn por mi presorganojn. Estu tamen permesite por mi nomi dankeme ĉefajn laŭ mia scio organizintojn, S-rojn d-rojn Robin, Ad. Zamenhof kaj Wiesenfeld kaj sinjorinojn Zofia'n Zamenhof kaj Halina'n Weinstein. Al ĉi tiuj kaj al ĉiuj aliaj, kiuj ornamis mian tagon jubilean per siaj amikaj paroloj kaj skriboj kaj presaĵoj estu permesite al mi danki per „Pola Esperantisto" en espero, ke mia kortuŝita voĉo ehe atingos miajn samideanojn, donacintajn min per sia honora partopreno en mia festa tago — la sunbrilo en ĉiutaga multjara griza vegetado..

Vivu Esperanto!

**Leo Belmont**

Ĉi tiun tradukon de versaĵo, en kiu genia poeto rusa gloras genian poeton polan pro liaj profetaj sonĝoj pri estontaj tempoj de tutmonda paco — sama sonĝo inspiris genian verkon de L. Zamenhof —

dediĉas mi plenrespekte al unu el plej meritaj batalantoj pri efektiviĝo de bela sonĝo de l' homaro, ĉiam juna anime, granda Polo, kara al tuta Esperantujo,

S-ro Odo Bujwid —
tradukinto Leo Belmont.

*MICKIEWICZ*

## *DE PUŜKIN.*

....Li vivis inter ni,
Ĵetite inter gento fremda; tamen
Koleron Li al ni ne sentis; ni
Amegis Lin; pacema kaj bonvola
Li partoprenis niajn interparoladojn;
Kun Li dividis ni la purajn sonĝojn
Kaj kantojn niajn (Li estis inspirita
Elsupre kaj rigardis vivon mem elsupre).
Li ne malofte pri estonta temp' parolis,
Kiam popoloj, malkonkordojn forgesinte,
En unu grandan familion sin kunigos —
Avide ni aŭskultos la poeton. Poste
Li iris okcidenten — ni Lin akompanis
Per benaj vortoj... Sed nun, ho ve!
Pacema nia gasto montriĝis por ni
La malamiko — nune en poemoj siaj
De la amas' ribela komplezul'*), Li
Malamon kantas kontraŭ ni; el malproksimo
La voĉ' konata de poet' kolera
Atingas nin.... Ho, Diol cian pacon
En koron koleriĝan revenigu ci!

*) En ĉi tiu belega kaj noblesenta versaĵo granda poeto rusa faris per afekto patriota de momento historia eraron. Lia amiko kaj amiko de rusaj dekabristoj, batalutoj kontraŭ despotismo, neniam estis komplezulo de malklera amaso, sed estis fidela filo de sia mallibera popolo: ne ribelon li kantis, sed veran revolucion polan de jaro 1830. Mickiewicz restis ĝisfine amiko de Puŝkin kaj post lia malfeliĉa tro frua morto en j. 1832 li skribis en Parizo belan nekrologon, en kiu gloris genion kaj karakteron de la plej granda poeto rusa. Li gloris lin ankaŭ en poemo: „Ĉe monumento de Petro la Granda" kaj entuziasme parolis pri liaj verkoj en siaj lekcioj parizaj.

20 januaro 1935. Leo Belmont

# SKOLTOJ, KIUJ SCIAS ESPERANTON ALIĜU

al la XIII-a Internacia Tendaro de Skolta Esp. Ligo, okazonta en Pollando en kadroj de Tutslava kaj Jubilea Nacia Jamboreoj, julie 11—24, 1935, en Spała (Spaŭa).

La ĵus fondita Prepar-Komitato por la XIII-a tutmonda S. E. L.-tendaro ĝojas sciigi, ke ĝi jam sukcesis interesigi al la internacia tendaro de skoltoj-esp., multajn skoltojn el Pollando kaj eksterlando. Oficialan inviton al partopreno en la tutmonda tendaro oni sendis al la Skolta Esp. Ligo, kiun subskribis la pola skoltestro vojevodo M. Grażyński kaj internacia skolta komisaro H. Kapiszewski. La programo de la Esp.-tendaro antaŭvidas: kunvenojn de skoltoj-esp., liberan tendaran vivon, oficialajn tendarfajrojn kun speciala programo kaj kelktagajn ekskursojn, interalie al Varŝavo, Kraków, vizito al pola maro kaj ĝia havenurbo Gdynia, aŭ Tatry.

Skoltoj-esp. via devo estas aliĝi al la tendaro de skoltoj-esp.! Esperanto-kursgvidantoj, U. E. A. delegitoj, societoj, grupoj sendu al ni adresojn de vialokaj skoltoj, kiuj scias Esperanton. Sukcesigu la XIII-an S. E. L.-tendaron!

**La Organiza Komitato**
**Kraków, Lelewela 9, m. 2.**

# POLLANDA KRONIKO

**WARSZAWA.** LA 19. I. 1935. okazis arangita de Varsovia Intersocieta Delegitaro en la salonoj de Pola Touring-Klubo solena akademio je l' honoro de 50-jara jubileo de l' literatura agado de **Leo Belmont** (kiel ankaŭ de lia 70-jara aĝiĝo).

La akademion ĉeestis ĉ. 100 personoj. La agordo estis plej solena kaj plej pompa. Malfermis la akademion — pro la nealveno de Prof. Odo Bujwid, kiu antaŭanoncis sian partoprenon — Dr. W. Robin kaj per mallongaj vortoj skizis la meritojn de Leo Belmont. La konstanta himn-ludantino f-ino Dr. Muszkatblat ekludis la himnon. Poste sekvis parolado de E. Wiesenfeld (la tekston vidu en la nuna numero). Red. Uziembło, kies prelego estis promesita, pro malsano ne alvenis kaj skribe pardonpetis. Rekompence ni ricevis tre belan

paroladeton de Dr. Ad. Zamenhof (la teksto en la numero). Bele deklamis la poezion de Leo Belmont f-ino Alina Czerwińska kaj ravis la aŭdantaron. Sekvis la legado de tre multnombraj salutleteroj kaj telegramoj. Alvenis speciale el Łódź — s-ro I. Lejzerowicz, kiu salutis en la nomo de Literatura Mondo, kaj el Białystok — S-ro J. Ŝapiro (U. E. A.). F-ino Muszkatblat en la nomo de „KONKORDO" salutis belparole kaj — dum da membrinoj metis belegan laŭran florkronon ĉe l' piedoj de l' jubileulo — prezentis al Leo Belmont la diplomon de Honora Membro de „Konkordo". Refoja himno. La publiko kantas. Kaj finiĝas la akademio. Poste 50 plej proksimaj amikoj de L. B. aranĝis bankedon, dum kiu belaj kaj spritaj vortoj de Belmont kaj de l' gastoj, rava voĉo de l' esperanta kantisto, s-o Landmann, kaj tre bona aĝordo reĝis en la salono ĝis noktomezo. La jubileulo ricevis memoraje belan (meblan) horloĝon.

---

## LOTERJA ZEGAROWA

**urządzana przez „TOWARZYSTWO ESPERANTO" w Krakowie za zezwoleniem Urzędu Skarbowego Akcyz i Monopolów Państw. w Krakowie z dnia 26. I. 1935 r. Nr. 39/5/35.**

### REGULAMIN.

1. Loterja polega na tem, że zegarek stanowiący premję, zostanie po częściowem nakręceniu go w sobotę, dnia 16. lutego 1935 r. na dancingu, urządzanym przez „Towarzystwo Esperanto" w lokalu D. L. „Wisła" w Krakowie, ul. Radziwiłłowska 23, złożony do kasetki; kasetka ta zostanie przez Przewodniczącego Jury wzgl. tegoż zastępcę opieczętowana i oddana temuż w przechowanie aż do dnia otwarcia. Dnia 7. maja 1935 r. o godz. 20 zostanie kaseta po usunięciu pieczęci otwarta publicznie w lokalu „Towarzystwa Esperanto" w Krakowie, przy ul. Smoleńsk 9. (Muzeum Przemysłowe), a osoba, której nazwisko wykaże dokładny czas, w którym zegarek stanął, t. j. daną minutę, otrzyma premję pierwszą.
2. W razie wątpliwości co do oznaczenia minuty, czas dokładny stanowi minuta, oznaczona cyfrą niższą (poprzednia)
3. Premja druga przypadnie osobie, której nazwisko wykaże minutę najbardziej zbliżoną (sąsiednią) po czasie dokładnym.
4. Premja trzecia przypadnie osobie, której nazwisko wykaże minutę najbardziej zbliżoną (sąsiednią) przed
5. Ustanawia się trzy następujące premje:
   1). zegarek złoty, męski, na rękę, marki „Cyma", (wartości sprzedażnej 100 zł.).
   2). rączkę srebrną do napełniania, ze złotem 14-karatowem piórem.
   3). srebrny ołówek do wykręcania.

   Jeżeli premja przypadnie osobie płci żeńskiej, to zostanie na żądanie, zgłoszone przy odbiorze premji, wymienioną na przedmiot damski tego tego samego rodzaju i wartości.
6. Opłata za wpisanie nazwiska na karcie przy danej minucie, wynosi 50 gr. za każdą minutę.
7. Niepodjęte do dnia 30. września 1935 r. premje przepadają na rzecz „Towarzystwa Esperanto" w Krakowie.
8. O przyznaniu premji i w innych sprawach, z niniejszą loterją związanych, rozstrzyga wyłącznie i ostatecznie Jury, w ust. 9. regulaminu określone, z wykluczeniem drogi prawnej.

   Wynik loterji zostanie ogłoszony w czerwcowym numerze „Pola Esperantisto", przyczem wygrywający zostaną osobno zawiadomieni.
9. Jury stanowią:
   1). Prof. Dr. Odo Bujwid, jako przewodniczący,
   2). Julja Neuberg,
   3). Dr. Leon Rosenstock,
   4). Marja Szczepańska,
   5). Dyr. inż. Eugenjusz Tor.
10. Członkowie Jury są wykluczeni, od brania udziału w tej loterji.
11. Wszystkie karty z nazwiskami uczestników wraz z gotówką należy zwrócić na ręce Sekretarza Jury p. Herminy Bertig w Krakowie, ul. Rakowicka 19, **najdalej do dnia 6. maja 1935 r.** Karty niezwrócone do tego terminu nie będą włączone do loterji.

    W przypadku, jeśli czas dokładny przypadnie na minutę oznaczoną na karcie, niezwróconej w terminie przesuwa się czas dokładny na najbliższą minutę z następnej karty włączonej do loterji, przyczem premje druga i trzecia przypadną na następujące po czasie dokładnym dwie minuty.
12. Każdy uczestnik loterji poddaje się przepisom niniejszego regulaminu.

**Zamówienia na karty loteryjne (każda po 15 minut) oraz na poszczególne minuty uprasza się kierować na ręce p. Herminy Bertig, Kraków, Rakowicka 19.**

Część dochodu przeznaczona na budowę Muzeum Narodowego.

**Uprasza się wszystkie Towarzystwa esperanckie w Polsce oraz pojedynczych**

Fine de junio 1935 okazos semajno de propagando de Kraków. Por eluzi la tiam validontajn fervojrabatojn kaj certigi grandaran partoprenon en la landa kongreso, **Ekzekutiva Komitato de P. E. D. decidis okazigi la kongreson en Kraków en tagoj 29—30 de junio 1935.**

Ni petas pardonon de kelkaj niaj ŝatataj kunlaborantoj, ke pro manko de loko ni estas devigitaj prokrasti aperigon de iliaj artikoloj ĝis la venonta monato.

Nepre aŭskultu la plej proksiman **radioprelegon** el Kraków kaj Warszawa. La 6 de marto, merkrede, je la 21 h. 30 m. parolos prof. **dro Odo Bujwid** pri 30-jara jubileo de scienca agado de s-ro Prezidanto Prof. Ign. Mościcki. Tiam sekvos informo pri pluaj disaŭdigoj, ĝis nun mankanta.

**LA PLEJ BELA DONACO POR LERNEJA JUNULARO**

en esperanta literaturo estas sendube la novaperinta libro de S-no Jan Wolski sub la titolo:

**ĈU ĜI ESTAS NUR FABELO?**

(Kooperativa junular-romano)

en traduko de Ktp. Roman Dabrowski kun 11 ilustraĵoj kai muzik-notoj de kooperativa junulara himno. Originale pentrita kovrilo, senligna papero, multaj klarigoj kai literaturaj indikoj.

Tiu libro estas la unua soci-eduka, kooperativa instruilo por edukintoj kaj junularo samtempe.

Paĝ. 176, prezo 3.— sv. fr. inkluzive sendkostoj en Pollando 3.30 zł kun sendkostoj. Mendebla ĉe la eldonintoj: Esperanta Eldon-Kooperativo, Varsovio (Warszawa) Al Jerozolimskie 101, Pollando (Pola Poŝt-ĉek-konto 6897) aŭ ĉe ĉiuj ĉefaj Esperanto-librejoj de l' mondo.

**P. S. Kooperativanoj** de ĉiuj landoj, interesitaj pri kooperativaj eldonaĵoj kaj faka gazeto en lingvo internacia Esperanto, bonvolu sendi sian nomon al la **supra** adreso por ricevi detalan prospekton.

Ĉu vi jam havas la faman verkon de **MICKIEWICZ: SINJORO TADEO** en traduko de **A. Grabowski?**

Aĉetu ĝin ĉe „Pola Esperantisto", konto PKO 406.660. Prezo zł. 8.— plus 10% sedkostoj.

---

**ĈU VI JAM FINPAGIS LA ABONON POR J. 1934?!
SE NE
PAGU TUJ JE NIA KONTO
P. K. O. 406.660.
RENOVIGU LA ABONON
POR JARO 1935!**

---

**GRAVA SCIIGO
POR KURSGVIDANTOJ!**

Bonege konservitan, kompletan, antikvaran kursmaterialon laŭ Ĉe-metodo, bezonegan por kursgvidantoj havigu ĉe „Pola Esperantisto", Kraków, Lubicz 34. Prezo zł. 18.— kun afranko.

**La XXVII-a Un. Kongreso en Romo!**

Ankaŭ tiu-ĉi-jare klopodos PED pri vojaĝo de polaj samideanoj al Romo! Programo kaj detalaj sciigoj en aprila n-ro de P. E.

**Ludwik Kutscher**
Ekz. ano de PED.

Kun ĝojo ni eksciis, ke nia samideano, s-o **S. Grenkamp,** estas ordenita oficiro de la ordeno Niŝan Iftikar de Tunizio kaj nomita korespondanto por Polujo de la plej grava ekonomia revuo en franca lingvo, „Revue Economique Internationale", kie lastatempe li aperigis tre valoran studon pri „La banko de Pollando". Konigante tiun fakton ni gratulas lin plej sincere. **La Red.**

Abonujcie miesięcznik „Ondo de Daŭgava" i „Informoj de Estonio" w cenie zł 2.20 rocznie. Abonament przyjmuje admin. „Pola Esperantisto". Konto P. K. O. 406.660.

La recenzon pri **„Cezaro"** en la februara n-ro de P. E. verkis s-o dro **L. Dreher.**

PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup esper. rocznie zł. 6.— Zagranicą: 5 fr. szw. Numer pojedynczy zł. 0.70. podwójny zł. 1.40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł. 6. — Eksterlande 5 sv. fr. Aparta numero zł. 0.70 duobla zł. 1.40.
ANONCOJ 1/2 pago zł. 30.— 1/4 pago zł. 15.— 1/8 pago zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKOW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.660

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 3. Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.